KOVRILO

*Mano ornamita laŭ la arto-tekniko Mehndi.*

*Fonto: http://webmeel.com*

**LA LAMPIRO** *57-a jaro n-ro 142 2016:6*

**Organo de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
**Redaktanto**: Paulo Sérgio Viana (psviana@terra.com.br)
**Grafikarangô**: José Roberto Tenorio
**Revizianto**: José Dias Pinto
*La redaktanto ne respondecas pri la subskribitaj artikoloj*

easp

**Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
Fondita en la 29-a de Marto 1937

**Propra sidejo**
Rua Faustolo, 124 - Água Branca
05041-000 São Paulo, SP - Brazilo
Telefonnumero: (11) 3862-1183
easp.org.br | contato@easp.org.br

**Jarkotizo por 2016**

| | |
|---|---|
| Simpla Membro .................. | R$ 120,00 |
| Subtena Membro ................ | R$ 240,00 |
| Ŝtatinterna Membro .......... | R$ 60,00 |

**Deĵoroj**:
lunde kaj merkrede: 10h – 16h; ĵaŭde kaj vendrede: 13h – 17h; sabate: 9h – 18h.



ENHAVO

# Vortoj de la redaktanto

Finiĝas la jaro. Ni rajtas modere celebri. Nia revuo kompletigas sian sesan jaran numeron, laŭ la planita laboro, en la komenco de 2016. La revuo aperis akurate, kun enhavo varia kaj supozeble interesa por nia publiko. Bedaŭrinde, ĝi ne povis aperi en papera eldono, nur en virtuala, kaj ni scias, ke al multaj samideanoj ne plaĉas (aŭ ne eblas) legi sur ekrano. Ni pardonpetas kaj klopodos kompensi tion per papera eldono de la tuta jarkolekto en unu sola papera volumo. Ĉar la plej multaj artikoloj ne estas malaktualiĝemaj, espereble tiu solvo parte kontentigos la legantojn. Ni fakte ŝatus ricevi de niaj legantoj opiniojn, kritikojn kaj proponojn. Kaj certe ankaŭ tekstojn por la proksimaj numeroj!

Cetere, se ni sukcesus plibonigi la financan situacion de EASP, tio certe povus ŝanĝi nian eldonan planon por la proksima jaro. Jen do ni invitas ĉiujn aktive varbi por nia asocio.

Fine, mi kore dankas ĉiujn amikojn, kiuj bele reagis al nia peto pri verkado por La Lampiro. Ni forte esperas, ke ili plu verkos, en 2017! Specialan dankon al nia reviziianto kaj eminenta EASP-ano, S-ro José Dias Pinto, kiu multe helpis per tre konscienca laboro.

Al ĉiuj, La Lampiro deziras Feliĉan Novjaron!



# Vortoj de la Prezidanto

**Prof. Genildo Martins Coelho**



2016 finiĝas kun sukcesoj kaj fiaskoj.

Inter la sukcesoj ni rajtas listigi la revivigon de niaj kulturkunsidoj en la sidejo, en la lasta sabato en ĉiu monato; la regulan aperigon de nia revuo La Lampiro; kaj la sukcesan okazigon de la 10-a Kongreso de Ŝtato San-Paŭlo, en oktobro; la bonan funkciadon de nia butiko.

Inter la fiaskoj restas nia nekapablo pligrandigi nian membraron, sekve la plisanigo de niaj financaj rimedoj; nia eldona agado, kiu lamis dum 2016; nia malmulta informado al la neesperantista publiko. Krome, eble ni devus aldoni la urĝan bezonon plivigligi nian instruan laboron.

Al nia anaro ni promesas klopodi, dum 2017, progresigi la laboron de EASP. Por tio, ni esperas ricevi vian apogon.

Dume, Feliĉan Novjaron!

# La arto Mehndi

**Antônia Sobral (Silvianópolis - MG)**

Mehndi, Mehandi, aŭ Mehendi estas kiel en Barato oni nomas la arton ornami la korpon per desegnaĵoj.



Tiuj desegnaĵoj estas faritaj per pasto aŭ tinkturo eltirita el la araba planto (Lawsonya inermis) samnomata kaj tiel la planto, la pasto kaj la arto havas la saman nomon. Lavsonio aŭ hena-arbusto apartenas al la plej bonodoraj plantoj de la mondo, tre ofta en regionoj de varma kaj seka vetero. Henao estas ĝia pers- / arab-origina nomo (Al-Hinna), nuntempe pli populare konata.



Ne eblas firme certigi pri la ekzakta origino de tiu tradicia arto, ĉu rilate al datoj, ĉu al lokoj. La plej antikvaj dokumentoj, kiuj citas ion pri ĝi datiĝas de ĉ. 6000 a.K., en la regionoj nuntempe nomataj Turkio, Sirio kaj Grekaj Insuloj. Postsignoj de henao estis trovitaj sur la manoj de 5000-jaraĝa mumio, kio sugestas, ke Mehndi ankaŭ datiĝas de antikva Egiptujo.

Oni diras, ke la uzo de Henao ekis meze de barataj junulinoj el Raĝasthano kaj Guĝarato. Prilaborante la teron, ili hazarde malpurigis la manojn per la planto lavsonio kaj ili rimarkis, ke dum la manoj estis makulitaj, la korpa temperaturo malpliiĝis. Tiam oni malkovris la refreŝigan propreco de Henao, tre utila dum la tro varmaj tagoj de la barata somero. Ne pasis multe da tempo, ili ekkreis desegnaĵojn por ornami unu la aliajn.

La uzadcelo de Henao estas tre ampleksa kaj varias de iu popola kutimo al alia kaj ankaŭ de iu epoko al alia. Ĝenerale ĝi rilatas al la ina mondo, al menstruaj cikloj, al vivokazaĵoj, al la cikla esenco de la vivo mem, al purigoritoj, beleco, ĝojo, estimo kaj amo. Krom esti la unua kosmetikaĵo de la homaro, ĝi ankaŭ estas grava pro siaj medicinaj ecoj, kiel natura antisepsaĵo kaj fortigaĵo de haŭto, ungoj kaj haroj. Ĝi ankaŭ estas uzata cele helpi la homojn kontakti la spiritan esencon.

Tiu arto fariĝis tradicio en Barato kaj aliaj landoj de Mezoriento. Kiel la okazaĵoj rilataj al transcendado kaj interna aliiĝo, tiel neniu geedziĝa ceremonio estas plena sen Mehndi. Ĉiokaze la amikinoj kaj inaj parencoj pasigas longajn horojn kun la fianĉino, ornamante al ŝi la manojn, de la fingroj ĝis la kubutoj, kaj la piedojn ĝis la

genuoj. La nomo de la edzo estos kaŝita ie ene de la pentraĵo kaj li devos ĝin trovi antaŭ ol la plenumo de la nupta nokto. Iukaze, ankaŭ la korpo de la fianĉo estas ornamita. Ĉar la henaaplikado estas terapia kaj spirita sperto, ĝi neniam estas haste realigita, pro tio ĝi okazas du tagojn antaŭ la ceremonio. Dume la fianĉino ricevas konsilojn pri la geedziĝo kaj mielmonato. Ĝi estas tre speciala tago.

Post la fino de la desegnaĵoj, la fianĉino devos resti pace kaj malstreĉiĝi, ĉar tempo estas necesa por ke la henao sekiĝu kaj la natura tinkturo penetru tra la haŭtotavoloj, fiksante sin en la ĉeloj.

Ne nur la geedziĝan periodon oni festas per la rito de henaaplikado. Ĝi ankaŭ okazas dum la gravedeco, antaŭ kaj post la akuŝo; je la kvardeka tago post la nasko; por religiaj festoj ktp... krome, ĉiutage la barataj virinoj nepre uzas Henaon, sed la desegnaĵoj estas pli simplaj kaj malgrandaj.

Pli kaj pli la arto Mehndi populariĝas tra la mondo. Nuntempe ĝi estas konata kiel nelongedaŭra tatuo, aŭ tatuo el barata henao, tamen la procedoj por la aplikado de vera Mehndi tute ne similas al tiu de la ordinara tatuo. Oni ne uzas nadlojn kaj la aplikado ne estas doloriga nek venena, ĉar la tinkturo estas natura el la arbeto



Fotoj: webneel.com



*Henna, pentrita de Gopal Khetanchi*

lavsonio, kaj konsekvence, preskaŭ neniam okazigas alergian reagon. La arto restas sur la haŭto de ĉirkaŭ dek tagoj ĝis kelkaj semajnoj kaj ne malaperas pro simplaj lavadoj de manoj per sapo.







Do, kiel ĉio, kio transpasas la limojn de iu kulturo kaj tradicio, la arto Mehndi trafis la okcidentan mondon kaj tuj fariĝis la plej nova tendenco pri beleco kaj jam furoras en la modo-mondo. Tio ŝajnigas nur kaprican kutimon, ĉu ne? Sed eble ekzistas alia motivo, ĉar Henao havas la aroma-terapian proprecon stimuli la pinealan glandon – eta endokrina glando lokita en cerbokerna regiono – kiu, laŭ la metafizika, filozofia, spiritualisma kaj mistikisma vidpunktoj, havas apartan gravecon, ion misteran, ion, kiu rilatas al animo, al percepto de la spirita vivo.

Nu, ĉiu havas sian propran celon serĉi henaajn ornamojn. Mi opinias ilin belaj, artaj, sublimaj!

# Eduki por la vivo
## Nesto

Dirce Sales (Rio de Janeiro-RJ)

Al mi ĉiam plaĉis kolekti ŝtonojn, la plej variajn, kaj al miaj gelernantoj ne mankis okazoj tion percepti.



Nia lernejo situis en Campo Grande (Kampo Granda), kvartalo en Okcidenta Regiono de Rio-de-Ĵanejro, loko kie oni trovas belajn kaj neordinarajn ŝtonojn, ĉar tiu estas vulkana regiono.

Tie oni povas grimpi monton en kiu sin kaŝas kratero de estingiĝinta vulkano.

Do miaj gelernantoj, ĉiam kiam ili trovis interesan ŝtoneton, ĝin alportis por plezura donaco al mi, kiu entuziasme ricevis la donacojn kaj tuj trovis lokon apud la fenestro por ornami nian klasĉambron.

Ni ĉiutage purigis la ŝtonetojn kaj mi profitis la okazon por instrui al ili pri la respekto, kiun ni ŝuldas al la naturo, nia kosma patrino, kiu malavare donas al ni plurajn aĵojn, kaj tute kaj ĉiam senpage!

Dum la tuta jaro ni pligrandigis nian kolekton per belaj ŝtonoj kaj mi konstatis la plezuron de la knaboj kaj knabinoj montri al mi la lecionojn ricevitajn, indikante la ŝtonojn taŭgajn por konstruaĵoj, por artefaritaj fontanoj, ornamoj, juveloj, ktp.

Venis la libertempa periodo dum kiu la institucio restis fermita.

Kiam ni revenis je la sekva jaro, ni tute ne povus imagi la surprizon, kiu atendis nin:

Birdeto konstruis neston sur niaj ŝtonoj!

La idoj jam naskiĝintaj pepadis senĉese, atendante la revenon de la patrino, kiu foriris por alporti manĝaĵon.

Sciante ke nia tiea restado malhelpos la eniron de la birdeto por nutri la idetojn, mi petis permeson al mia direktorino uzi alian klasĉambron dum kelkaj tagoj, ĝis la momento kiam la idetoj estos pretaj forflugi.

Ŝi konsentis ridetante, ĉar ŝi vidis en tiu peto unu plian lecionon pri respekto al la vivo.

Poste, la nesta materialo estis nova elemento por nia ellerno.

La libro de la naturo estas unu el la plej riĉaj en la mondo! Legi ĝin estas mirinda, magia kaj neforgesebla instruo al ĉiuj ni.



# Kino kaj aliaj artoj
## Recenzo - filmo: La Kiso Surasfalte

Anna Lobo (São Paulo-SP)




**Nomo**: O Beijo no Asfalto
**Filmodaŭro**: 80 min
**Reĝisoro**: Bruno Barreto
**Roluloj**: Tarcisio Meira, Ney Latorraca, Daniel Filho, Lídia Brondi kaj Chrisriana Torloni.
**Tipo**: Dramo
**Nacio**: Brazilo

Nenio pli bona ol reveni al la radikoj por verki la lastan numeron, de la kuranta jarkolekto, de nia revuo "La Lampiro". Tiu ĉi brazila filmo estas bazita sur samnoma teatra verko de Nelson Rodrigues, publikigita en la 60-aj jaroj. Kaj en 1980 ĝi iĝis filmo, bone verkita kaj kun lertaj aktoroj. Se vi ŝatas la stilon de Nelson Rodrigues, vi nepre devas spekti tiun ĉi filmon – Kaj ne necesas diri, ke ĝi estas peza kaj ke ĝi ne taŭgas por infanoj, ĉu ne?

Unua impreso – kaj ne malfacile antaŭvidebla – estas, ke la filmo ja estas malnova. Vi vidos konatajn brazilajn aktorojn ege junaj. Kvalito de la filmado ne estas la plej atentoveka. Tamen, kio plej kaptas la atenton de la spektanto estas la stilo de la filmado, ege interesa por la epoko, la rolumado de la aktoroj kaj ĉefe – la historio.

Resume, temas pri kiso, kiu okazis surstrate. Suferinte akcidenton, la mortinto havis nur unu peton – ricevi kison de tiu ulo, kiu estas apud li. Pro la magia subtileco de la momento kaj la ebleco sukcesi doni tiun lastan deziron al mortanto, li tuj koncedis la kison. Sed de tio, la sinsekvo de la okazaĵoj iĝas pli kaj pli tiklaj kaj nigraj.

Estas interese, kion la filmo sukcesas montri pri nia socio rilate al tiu temo. Ĝi pligrandigis kaj troigis la aferon per iu ekstrema situacio – kvazaŭ ĝi volus montri per desegno la "virecon" ĉiutage ĉeestantan. Nelson sukcesas eltiri trajtojn de ni en la profundo, kiujn fojfoje ni ne tiom ŝatas vidi aŭ alfronti.

Mi instigas vin, enspiri, prepari la kapon kaj spiriton, kaj spekti tiun ĉi brazilan filmon! Vi povas trovi la kompletan filmon en Youtube. Fakte ĝi nuntempe estis refilmata, do estas ebleco spekti la malnovan kaj kompari kun la nova baldaŭ lanĉata! Havu bonan spektadon!

# Socia vivo

**Malantaŭ la murego**

Paula Cristina Medve (Ribeirão Preto - SP)



En la lasta 29ª de septembro okazis unu el la plej grandaJ forkuroj de arestitoj en la historio de ŝtato San-Paŭlo, en duonferma situacio en Centro de Progresado por Arestitoj, en la urbo Jardinópolis. Ofte, esti en duonferma situacio signifas, ke la arestitoj jam pagis parton de siaj punoj kaj post malmulte da tempo ili revenos al la socia kunvivado.

Antaŭ tiu fenomeno, forkurado, ordinare la plej ofta demando farata de la socio estas: kio okazas malantaŭ la muregoj, kiuj ĉirkaŭas la malliberejojn?
Mi rajtas diri, ke la vivo tie estas laŭeble normala kaj multfoje fruktodona. La arestitoj estas nomataj "reedukatoj" kaj ili laboras, iras en lernejon, kiu funkcias ene de la lerneja pavilono.

En la malliberejo estas ankaŭ kuracistoj, dentistoj, flegistoj, psikologoj, sociaj helpantoj kaj multaj aliaj oficistoj, kiuj laboras por ke malliberejo bone funkciu, kaj la reedukatoj estu bone zorgataj. La rutino estas tre bone establita por la policistoj, la departementoj estas organizitaj por zorgi pri la multaj fakaj branĉoj, ĉar oni devas kompreni, ke malliberejo estas kvazaŭ eta urbo kaj havas la samajn bezonojn kaj problemojn; pro tio bonaj administrantoj estas necesaj.

Nuntempe la plej granda defio estas la amasoj da homoj arestitaj kaj pro tio komplikaj problemoj aperas, kaj la administrantoj devas kapabli solvi ilin. Eblas starigi kunlaboron kun universitatoj, sociaj institucioj, eklezioj kaj aliaj, por disvolvi projektojn por helpi tiujn homojn, kiuj misagis, sed deziras ŝanĝi sin kaj havi ŝancon reakiri la liberecon post pagi la punon determinitan de la leĝo, kaj reveni al la socio.

Ĉu ni, kiel civitanoj, kiel Esperantistoj, povas fari ion por helpi ilin sur tiu vojo? Ĉu ni havas rimedojn por helpi ilin ŝanĝi siajn sintenojn? Nu, tiuj estas nur demandoj, kiujn mi proponas por ke ni pripensu.



# 101-a UK en Nitro - Slovakio.

**23 - 30 julio 2016**

**Aparecida Araújo (São Paulo-SP)**

Mi havis la okazon denove partopreni en la Universala Kongreso de Esperanto, ĉijare.

Slovakio estas malgranda lando en Mezeŭropo. Ĝia ĉefurbo estas Bratislavo.

Nitro estas la kvina plej granda urbo de Slovakio. Ĝi estas antikva lulilo de la kristanismo, sidejo de potencaj reĝoj, longtempa centro de agrikulturo, kaj pli laste nukleo de kreskanta elektronika kaj aŭto-industrio.

La kongresejo estis la Slovaka Agrikultura Universitato, apud la botanika ĝardeno. Ĝi estas unu el la plej alte taksataj arkitekturaj verkoj de la 20ª jarcento, en Slovakio.

Aliĝis 1250 personoj el 60 landoj, inter ili 50 brazilanoj. La kuriero PRIBINA omaĝis la princon Pribina, kiu regis ĝis la jaro 833.

Kiam ni alvenis en Nitro, estis trajneto por veturigi kongresanojn al la kongresejo, kaj taksio-servo kun speciala tarifo, kaj urbaj busoj senpagaj dum la tuta semajno.

Unuafoje en la historio de la UK-oj okazis realtempaj retaj radioelsendoj de pluraj programeroj kaj de la solenaj malfermo kaj fermo.

En la solena inaŭguro ĉeestis honoraj gastoj: ambasadoroj de Japanio, Ukrainio kaj Kenjo, vicambasadoro de Korea Respubliko kaj ataŝeo de ruslanda ambasadejo.




Inter pluraj lokaj kaj naciaj gravuloj troviĝis ankaŭ la urbestro de Nitro S-ro Josef Dvonc kaj Jan Figel, oficiala reprezentanto de la Eŭropa Unio pri religia libereco en la mondo.

Kongresa temo: SOCIA JUSTECO - LINGVA JUSTECO estis serioze, varme diskutata dum la tuta semajno: Rasismo, lingva malrespekto, literatura justeco, seksa orientiĝo, marĝenigo de indiĝenaj popoloj, suferado de amasoj da refuĝintoj, malegaleco je la aliro al edukado.

Omaĝe al la UK, estis Esperanta Poŝtmarko eldonita de la Slovaka Poŝto, kun bildo aludanta al la interpersona komunikado. Ankaŭ omaĝe al la UK estis Esperanta Akvo kaj Esperanta Vino speciale produktitaj por kongresanoj.

Okazis solena plantado de Esperanta Arbo, antaŭ la aŭlo de Slovaka Agrikultura Universitato.

Mark Fettes (Kanado) estis reelektita kiel prezidanto de UEA. Emilio Cid,

brazilano, estas nova estrarano, kiel sekretario.

Dum la TAGO DE LA LERNADO: organizite de ILEI, okazis diversaj prelegoj por helpi al ĉiuj pripensi pri la nova rolo de instruistoj, antaŭ la apero de pertelefonaj kursoj. Necesas fari ponton inter la tradicia Esperanto movado kaj tiu nova fenomeno. Pro tio la Prezidanto de UEA malfermis la JARON DE LA LERNANTO, en kvin Kontinentoj, kun proponoj por la celoj, strategioj por realigi tiujn celojn, kaj sugestoj por lokaj kluboj, landaj kaj fakaj asocioj.






Stano Marcek parolis pri aplikaĵo por telefonoj, novaĵo koncerne lian lernolibron. Katalin Kovats parolis pri unuaj spertoj en sia nova projekto ELPAROLU. Chuck Smith (Germanio), Kreinto de Esperanto-Kurso ĉe Duolingo, parolis pri "Kion Duolingo signifas por instruado de Esperanto". Oni antaŭvidas ankaŭ versiojn en aliaj mondlingvoj. Kelkaj kursanoj de Duolingo ĉestis en la UK.

Fluganta aŭtomobilo estis inventita en Nitro, kaj la inventinto mem, inĝeniero Stefan Klein, venis prezenti sian laboron post 25 jaroj. Li jam realigas utopiojn en teknologia mondo: AEROMOBIL.

Ĉu iam robotoj anstataŭos homojn? Rakoen Maertens, el Belgio, prezentis kiel realan la nuntempan helpanton, precipe al maljunuloj kiuj vivas sole.

La Internacia Esperanta futebalteamo preskaŭ venkis sian trian matĉon kontraŭ loka teamo, la rezulto estis 4-5. Tri golojn faris la brazilano Pedro Paulo Freitas.

ARTAJ PREZENTOJ: Filmoj, teatroj, koncertoj, dancoj, slovaka tango, muzika festivalo.

En BELARTA KONKURSOJ DE UEA/2016, en la Branĉo ESEO, la unuan premion (premion Luigi Minnaja), ricevis la brazilano Rafael Henrique Zerbetto.

UEA deklaris, 2017 - ZAMENHOFA JARO pro la Centjariĝo de lia forpaso.

RESUME PRI LA KONGRESO – Laŭ UEA glata organizado, tre konvena kongresejo, bonega tuturba vidigo de Esperanto kaj rekorde ampleksa parto de la kongresa programo malferma al la urba publiko. Videbleco de UK al la loka komunumo.

Mi aldonas: sep tagoj estas tro malmute por ĝui, lerni kaj sperti la tuton. La renkonto kun jam konataj samideanoj, la konatiĝo kun novaj esperantistoj, la kongreseja etoso, la koridora babilado, vera renkontiĝo de homoj kun homoj, estas por mi la plej interesa kaj kortuŝa parto de UK.

En la Solena Fermo, UEA anoncis la venontjarajn kongresojn: Seulo (Koreio) - 2017, kaj Lisbono (Portugalio) - 2018!



# Ĉu poezio necesas?
## Avasilij Eroŝenko

**Maria Nazaré Laroca (Juiz de Fora-MG)**

***Homarano***

Ekbruligis mi fajron en kor',
Ĝin estingos nenia perfort';
Ekflamigis mi flamon en brust',
Ĝin ne povos estingi eĉ mort'.
Brulos fajr' ĝis mi vivos en mond',
Flamos flam' ĝis ekzistos la ter'.
Nom' de l' fajr' estas am' al homar',
Nom' de l' flam' estas am' al liber'.

*(El Lumo kaj Ombro.)*



*Eroŝenko (1890-1952)*

Antaŭnelonge mi legis la supran poemon de Eroŝenko, kaj mi enamiĝis pri tiu migrema blinda poeto, muzikisto, verkisto, el Rusujo.

Vasilij Jakovlevich Eroŝenko naskiĝis en la 12-a de Januaro 1890 en Obuĥovka, kaj mortis la 23-an de Decembro 1952.

Spite sian blindecon (ekde la 5-a jaraĝo) li multe vojaĝis tra la mondo kaj fervore propagandis Esperanton precipe inter blinduloj de Tokio, Japanujo. Li estis aktiva homo, kelkfoje arestita kiel ruĝa agento.

Eroŝenko parolis ĉirkaŭ dek lingvojn, kaj bone regante la japanan, li verkis tiulingve fabelajn rakontojn por geknaboj.

En 1923, en la UK de Nuremberg, Eroŝenko gajnis la unuan premion de la plej bona Esperanta prononco.

Li deklamis sian belan originalan poemon "Antaŭdiro de la ciganino" kaj surprizis la juĝantaron gvidatan de Edmond Privat.

Nuntempe la romantika Eroŝenko ne estas forgesita. Interesa esperanta aranĝo estas kultura evento nomata "Eroŝenko-tagoj", kiun kune preparas esperanto-asocioj de Ukrainio, Hungario, Slovakio kaj Pollando. Ĉijare ĝi okazis de la 30-a de Aprilo ĝis la 04-a de Majo.

Jen por vi pliaj lirikaj poemoj de Eroŝenko:

## *Malespera koro*

Mi vagis sur tero, mi serĉis tra mondo,
Deziris mi trovi la fratojn amantajn,
Sed trovis aŭ monstrojn aŭ bestojn /sovaĝajn
Aŭ ruzajn simiojn nur ĉion mokantajn.

Al frata salut’ ili montras la dentojn,
Per mordo respondas manpremon de l’ /frat’,
Respondas per kraĉo la koran fratkison,
La fratĉirkaŭprenon per la perfidbat’.

Mi serĉis amikon kun varma fratmano,
Kun koro varmega, fidinda en tut’,
Sed vane, mi trovis nur harpiedegojn
Kun longaj ungegoj de l’ ruza monstrbrut’.

Kaj nun mi laciĝis, mi volas ripozi
Profunde en kor’ de l’ patrinter’ amanta,
Profunde dormante mi sonĝos eterne
Pri frato-amiko min ĉie serĉanta.

## *Antaŭdiro de la ciganino*

Mia kara, mia bona,
Mia nobla belulin’!
Ciganino diras veron,
Ciganin’ ne trompas vin.

Scias mi knabinajn revojn,
La sekretojn de la kor’,
Scias mi pri homfeliĉo,
Scias mi pri amdolor’.

Kredas vi, ke la feliĉo
Estas via vera sort’,
Kredas, ke belec’ kaj amo
Akompanos vin ĝis mort’.

Kredas vi, ke ne ŝanĝiĝas
Vira amo sub la sun’,
Kredas vi, ke la amikoj
Ne perfidas sub la lun’.

Kredas vi, sed mia kara,
Mia nobla belulin’,
Kredu min, mi diros veron,
Ciganin’ ne trompos vin.

Daŭra amo, daŭra ĝojo
Estas vana belesper’:
En la mond’ ŝanĝiĝas ĉio;
Ĉio pasas sur la ter’.

Pro l’ amat’, pro la amikoj
Venos plej malĝoja hor’,
Kaj por ĉiam nur sopiro
Restos en la juna kor’.

Mia kara, mia bona,
Vin kompatas ciganin’:
Plej fidataj vin perfidos,
Plej amataj trompos vin.

Mia kara, mia bona,
Kompatinda belulin’!
Ciganino vin kompatas,
Sed ne povas helpi vin.

Ne ekzistas ja sorĉado
Kontraŭ la fatala mort’,
Ne ekzistas talismanoj
Kontraŭ malbenita sort’.

Sed memoru, ne forgesu,
Mia kara belulin’,
Estas io en la mondo,
Kio ne perfidos vin.
(...)

# El la pasinteco, tutkore.

## Artfarita lingvo: por la bono... kaj por la fripono.

**James Piton (Paulínia-SP)**

Dum bonvolemaj esperantistoj en Campinas, Rio kaj Niteroi nur revis pri la efektiva fondo de la unuaj brazilaj E-kluboj en 1906, proksimume 700 homoj reiris hejmen tre kontentaj post la unua Universala Kongreso de Esperanto en Francio, Aŭgusto 1905.



*Karikaturo de Émile Loubet kiel "laborserĉanto"*

Preskaŭ samtempe dum tri semajnoj la francan gazetaron okupis antropologia mistero.

La pariza polico arestis junulon sur placo sed la policistoj ne sukcesis pridemandi lin. Antau enketjuĝisto, s-ro Roty, la junulo vigle parolis, senefike. La juĝisto interesiĝis pri la mistera lingvo sed neniu el la interpretistoj petataj povis malkovri pri kiu lingvo temas. La juĝisto pasigis horojn kun la arestito kaj eĉ komencis kompili vortareton de la lingvo, kiun laŭ lia kompreno nomiĝis agrach (la agraĥa). Li uzis bildojn kaj kolektis la ekvivalentan vorton en la agraĥa. Roty deduktis, ke la junulo havas la nomon Amard Ritard, ke li loĝis en arbaro, kie estas tigroj kaj ke li uzis vaporŝipon por atingi Eŭropon. Enketistoj kaj invititaj filologoj provis pristudi lin, kiu tute senĝene parolis en sia lingvo. Ritard videble penis ke oni komprenu lin. Tamen vane.

S-ro Roty ree kaj ree venigis la misterulon al sia oficejo kaj kolektis plej strangajn vortojn. Armart sukcesis vidigi, ke li estas 17-jara. Li dume restis arestita ĝis la tago kiam fakulo, D-ro Rubinovitch, prezentos raporton pri la mensa ekzameno de la fremdulo. Laŭ la konkludoj de tiu psikiatro, S-ro Roty sendu lin aŭ al frenezulejo aŭ al prizono.

Sensacio en la gazetaro, oni nomis la agraĥan speco de "volapuko kaj esperanto". La juĝisto fiere raportis pri la progreso de siaj esploroj en la kompilado de la lingvo. Li promenis kun Ritard eĉ dum ĉevalrajdado, por havi pli da kontakto kaj studi la lingvon.

Iun tagon tamen S-ro Bertillon, direktoro de antropometria servo, eniris la oficejon de la juĝisto. Li ekzamenis la junulon kaj donis al tiu specialan paperfolion. Amart senzorge prenis ĝin kaj tiel kolektiĝis fingrospuroj. Bertillon foriris kun la papero. Post iom da tempo li revenis, kun triumfa mieno. Nur la

nova teknologio povis doni respondon pri lia identeco - la fingropremaĵoj.

"Ĉu vi komprenas min?", Bertillon tuj demandis lin en la germana. La junulo indiferente ne moviĝis, kvazaŭ oni ne alparolis lin.

"Ĉu vi ŝajnigas nekomprenon? Nu, mi rakontos al vi, kiu vi estas. Via nomo estas Agostini Rinaldo kaj vi aĝas dudek jarojn. Vi naskiĝis la 9-an de Novembro 1885 en Clés (aŭstria Tirolo) kaj viaj gepatroj estis Baptisti Agostini kaj Oliva Maunauni. Vi laboris kiel taglaboristo".

Je tiuj vortoj la mieno de la junulo ŝanĝiĝis kaj kun la kapo malsupre li germanlingve respondis.

Bertillon daŭrigis, ke la tirolano estis arestita pro vagabondado. La antaŭtagon de la unua UK en Bulonjo, Agostini estis denove arestita en Parizo kaj liberigita de juĝisto kun minaco de forpelo el la lando se li estos denove kaptita.

"Kaj por ne esti forpelita vi inventis la agraĥan kaj ĉiujn viajn fantaziajn rakontojn. Konfesu do ĉu en la franca, ĉu en la germana, ĉar vi bone parolas ambaŭ lingvojn." Dum la direktoro tion klarigis, la kulpulo ŝajnis skuita. Fine li levis la kapon, reprenis la memfidon kaj deklaris, ke s-ro Bertillon pravas. Li sekve ekridis kaj eĉ provis ŝerci. Sed la ĉagrenita s-ro Roty tute ne emis ridi kaj petis policiston konduki la vagabondon al la prizono.

La poŝtkartoj, kiuj estis unu el la medioj por sociaj kritikoj de multaj akravidaj artistoj, ne ignoris la "aferon Agraĥa". Tutan baladon pri la okazaĵo kaj kun moko pri Roty verkis kanzonisto Louis de Simianes sub la titolo "La Agraĥa aŭ la Lasta Sovaĝulo" kaj tiu aperis sur tiama bildkarto, kiel dekoj de aliaj kanzonoj de tiu kabareta komponisto.

Sur la alia karto oni vidas akvarelan bildkarton de Émile Loubet (1838-


**L'Agrach ou le Dernier Sauvage.**
*Air « d'Elle à Lui ».*

Vous connaissez tous la mésaventure
Qui vient d'arriver à ce pauv' Roty
Un jug' d'instruction de très grande allure
Qui en est maintenant encore abruti
Il avait trouvé, la jolie trouvaille,
Ce sauvage Agrach, ce Ritard Amor
Qui sortait, dit-on, d'un pays d'broussailles
D'où l'on découvrait de très beaux castors.

Roty satisfait, dis, je promets ferme
Que dans quelques jours ma sagacité
Dénich'ra la place où se trouve la ferme
Que ce jeune sauvage avait habitée.
Mais en attendant il m'apprend sa langue
Et je cause agrach tell'ment bien chez moi
Qu'une voix aimée me dis, tes harangues
Et ta nouvell' langu' ça m'mets en émoi

Malgré tout son flair et celui des autres
Ce profond mystère restait mystérieux,
Roty, de Ritard, pitoyable apôtre,
Ne comprenait pas c'que disait son Dieu.
Il lui faisait voir en vain des images,
De très vieux objets, un vulgaire coucou,
Un sabre de bois, Péladan le Mage,
Seul un vieux bateau le fis rire beaucoup.

Roty, à la fin, ne sachant que faire,
Par un trait d'génie — il en a parfois —
En s'mettant tout nu, dis j'vais contrefaire
Les bêtes sauvag's qu'il vit dans les bois.
Son anneau dans l'nez, sa ceinture de plumes,
Tout son corps tatoué, ses rugissements,
Et jusqu'au Cak' Walke, dernière amertume,
Qui n'apporta pas d'éclaircissements.

Roty, épuisé, tombait de fatigue,
Mais son secrétaire, comme un aiguillon,
Lui criait : Roty, essayez la gigue...
Quand on vit entrer Monsieur Bertillon.
Ce dernier s'écrie, parlant au sauvage,
C'est Agostini, moi je te connais...
Comme il lui r'prochait d'mettr' le juge en nage
Il n'avait, fit l'autre, qu'à m'parler français !

LOUIS DE SIMIANES.

Paris, 23-9-1905.

L. GORDE, ÉDITEUR, PARIS

*"La Agraĥa aŭ la Lasta Sovaĝulo"*
*balado verkita de la kanzonisto Loius de Simianes.*



*Tiama karikaturo alude al la unua UK,*
*kiu okazis en Bulonjo-ĉe-Maro.*

1929). Franca ŝtatprezidanto inter 1899 kaj 1906, li estis tre populara celo por la francaj bildkartaj karikaturistoj. En la karto oni vidas "anonceton" de "laborserĉanto", kiu france tekstas jene: "Junulo tre vojaĝamanta, parolanto de ĉiuj lingvoj, inkluzive de la agraĥa kaj de Esperanto, serĉas ajnan laborpostenon. Proponojn oni sendu al la abato Guele de Mazenc (Drôme)".

Oni kuntekstigu la diversajn aludojn. La vestaĵoj de la prezidanto havas valizajn etikedojn "Londono", "Madrido", "Romo" pro la diversaj prezidantaj afervojaĝoj, kiuj tiam certe fariĝis multe pli oftaj laŭtradicie. Sur lia mano, vendopleto kun "Nougat de Montelimar" (Loubet estis urbestro de Montelimar kaj havis sian politikan bazon en tiu urbo de departemento Drôme; la dolĉaj nugatoj estas loka specialaĵo). Ruĝa ĉapo, simbolo de la Respubliko, pendas de stango.

Dum la lasta ofico-jaro de Loubet, la gazetaro ne ignoris la unuan UK-n kaj la ĉeeston de Zamenhof. Tiu fakto estas konstatebla sur alia samtempa politika karto — humuristoj feliĉe neniam faciligas la vivon de politikistoj. En bildkarto kun karikaturo de la franca ministraro, kiu revenas el siaj ferioj en Septembro, la socialista ministro pri Edukado Jean Bienvenu-Martin (1847-1943) havas sub la brako tekon kun la vorto "Esperanto" kaj sur la kapo atlason. Bienvenu-Martin estas la registarano, kiu akceptis en rendevuo kaj enmanigis al Zamenhof la medalon "Honor-Legio" en 1905.




*Karikaturo de la franca ministraro kun aludo al la honoraĵo per kiu Zamenhof estis distingita okaze de la unua UK.*

# Recenzo

## Belarta Rikolto 2015

**Paŭlo Sergio Viana (Lorena-SP)**

La Belartaj Konkursoj de Universala Esperanto-Asocio estas eble la plej grava literatura konkurso en Esperanto. Ne malmultajn talentojn ĝi rivelis en nian galerion de intelektuloj. Oni unuanime rekonas ĝin kiel valoran stimulon al la produktado de originalaj literaturaĵoj en nia lingvo, kio efektive estas grava parto de nia kulturo.




Dum jaroj oni tamen plendis, ke estas malfacile legi la premiitajn verkojn, anoncitajn ĉiujare. En pasinta tempo, la revuo “Esperanto” aperigis iujn nelongajn premiitajn tekstojn. Poste, la revuo “Fonto”, publikigita en Brazilo, regule publikigis ĉiujn premiitajn tekstojn. Kiam “Fonto” ne plu eldoniĝis, la “Beletra Almanako” transprenis la taskon. Sed plendoj plu sonis inter la samideanaro interesita pri literaturo, ĉar ne ĉiuj estas abonantoj de la koncerna revuo (parenteze: “Beletra Almanako” estas nepre aboninda revuo, por literaturamantoj!)

Bonvenon do al la decido de la Estraro de Universala Esperanto-Asocio, kiu de iom da tempo publikigas mem, per apartaj volumetoj, kolektojn da premiitaj verkoj el siaj Belartaj Konkursoj. Aperis jam kolektoj da eseoj kaj ĉi tiu bonega “Belarta Rikolto 2015”.

Ĉi tiu libreto estas ja frandaĵo. En ĝi oni ĝue legas poemojn, teatraĵojn, eseojn. Fine de la volumo aperas analizo de Humphrey Tonkin pri la rezultoj mem de la konkurso en tiu jaro. Kaj fermas la libron bonega artikolo de Sten Johansson pri “Dialogo kaj scenigado en prozo”. Ĉi tiun lastan tekston ĉiu homo, kiu intencas verki literaturan tekston devus legi kaj pripensi: en malmultaj paĝoj ĝi prezentas riĉan klarigon pri la diversaj rimedoj por fari tekston viveca kaj atentokapta. Vere instrua artikolo.

Rilate la premiitajn tekstojn mem, kompreneble la afero implicas tute subjektivan guston. Mi diras, ke ĉiuj tekstoj estas altnivelaj kaj meritas la premiojn. Se elekti aparte allogan, laŭ mia persona gusto, mi elstarigus la hajkojn de Ewa Grochowska (p. 12) kaj la dramon de Nicola Ruggiero, “Adiaŭ al la suno”.

La tuta broŝuro “Belarta Rikolto 2015” estas presita per bona papero, en agrabla grafika aranĝo, kun sobra, eleganta kovrilo. Ni esperu, ke ĉiujare ni disponu pri similaj kolektoj, kiuj permesas, ke ni aprezu la verkojn de niaj originalaj aŭtoroj. Gratulon al Universala Esperanto-Asocio!

# Bela kongreso en bela insulo

La 8-an kaj 9-an de oktobro 2016 okazis en Belinsulo/SP la 10-a Esperanto-Kongreso de la Ŝtato San-Paŭlo. Nelonga, sed riĉenhava evento. Enskribiĝis pli ol cent personoj kaj efektive partoprenis ĉirkaŭ 80, el pli ol 30 urboj. La kongresejo, konstruaĵo apartenanta al la urba sekretariejo pri Edukado, estis komforta kaj oni disponigis bonan teknikan apogon rilate projekciadon, lumon kaj sonaparatojn. Tri urbaj laboristoj restis plentempe je la servo de la kongreso.

Je la posttagmezo kaj vespero de la 7-a de oktobro jam alvenis multaj kongresanoj, kiuj kaptis tiun momenton por agrabla neformala kunestado kaj kantado en restoracio proksima al la kongresejo.

Sabate (8 okt.) okazis la solena malfermo je la 10-a horo. Altabliĝis la prezidanto de EASP, Prof. Genildo Coelho, kiu gvidis la kunsidon, krom reprezentantoj de Brazila Esperanto-



Solena Malfermo

Ligo (Emílio Cid), de Brazila Esperantista Junulara Organizo (Vinicius HPR), Caraguá Esperanto-Grupo (D-ro Maurício Gomes) kaj la loka Esperanto-"motoro" en Belinsulo, Cristina Graaf. Prestiĝis la inaŭguron ankaŭ urbkonsilanto Carlos Alberto O. Pinto, kiu salutis la kongresanojn nome de la lokaj aŭtoritatuloj.

Post la formala inaŭguro, sekvis vigla debato kun la publiko pri la temo de la kongreso: "Esperanto kaj turismo".

Ankoraŭ dum la sabato okazis pluraj programeroj: prelego de instruisto Adriano Leite pri la historio de Belinsulo; prelego de Fabrício Valle pri



*Skeĉo ludata de Vinícius Hpr*


*Libroservo*

la nova “Heroldo de Esperanto”; metiaranĝo pri puzlo (Antonia Sobral); metiaranĝo pri tradukado al Esperanto (P.S.Viana); unua sesio de 12-minutaj prelegetoj pri “Tutmonda Inform-Reto” (E. Cid), “Mia sperto en NASK 2016” (M. Laroca), “La plej arabeca brazilano” (J.Progiante) kaj “Volapuka koro en la landinterno de San-Paŭlo (J. Piton) futbalmatĉo inter Esperantistoj kaj invitita teamo (Esperanto fine venkis! 11 goloj kontraŭ 6).

La sabato finiĝis per agrabla arta vespero, en kiu okazis teatroprezento (Vinicius HPR), dancospektaklo ( (KM Studio de dança), flutoludado (F. Castro), deklamado (G. Thuler), projekcia-kanta prezento (D. Sales) kaj kantado kun akompano de klavaro (Mikel Klav).

Dimanĉe (9 okt.) matene okazis du apartaj sesioj de prelegetoj kun la jenaj temoj: “Historio de la Esperanta Literaturo – epokfara libro “ (P.Viana); “Vorto-farado” (M. Gomes); “Impresoj pri la UK en Nitro” (A. Araújo); “Vasilj Eroŝenko” (P. Viana); “Kontrolo de urba bestpopolo” (C. Graaf); “Sociala Grupo Lexus” (F. Valle); “Urantio” (A. Carvalho) “La forgesita, amuza kaj defia vortaro” (J. Tenório) Fine de la kongreso, oni premiis la plej bonan prelegeton laŭ voĉdono de la kongresanoj mem. Venkis Cristina Graaf, kiu prelegis pri urba bestloĝantaro. Gratulon!

Ankoraŭ en la dimanĉa mateno prelegis Alfredo Aragon pri “La plej bona amerika komponisto”. Krome, okazis metiaranĝo pri “Minilibroj” (J. Tenório) kaj dua metiaranĝo pri tradukado (P. Viana).

Post la tagmanĝo oni fermis la kongreson.

Dum la tuta evento funkciis bona, varia libroservo, kaj la kongresanoj kontentige kaptis la okazon aĉeti librojn je favora prezo.

Fine de ĉi tiu resuma raporto, la estraro de EASP kaj la tuta kongresanaro lasas sian dankon kaj rekonon pri la grandega laboro de la loka Esperantisto Cristina Graaf, kiu multege (kaj tre kompetente) laboris por la sukceso de la evento. Prelegoj pri Esperanto okazis al la publiko kaj artikoloj publikiĝis en lokaj revuoj, danke al ŝia agado.



*Metiaranĝo pri tradukado*



*Koncerto de la kantisto Mikel Klav*

# La ĉapeligaj programoj

Edgar Massaaki Egawa (São Paulo-SP)

En la komputila mondo, unu el la problemoj de esperantisto estas kiel skribi esperante per komputilo. La plejmulto de aktualaj uzantoj de komputiloj ne estas fakuloj, kiuj scias krei programojn por sia uzado aŭ eventuale por vendado aŭ distribuado al aliaj uzantoj. Kiu ne konas la ekzistantajn programojn uzas la h-kodon aŭ x-kodon por indiki ke la litero antaŭ ili estas ĉapeligita.

Ĝojige, oni havas varion da programoj sub diversaj operaciaj sistemoj: Vindozo, Linukso, Androjdo kaj IOS (Apple).

**Vindozaj programoj**

La unua programo kiun mi vidis estis Ĉapelilo, kiu funkciis kiel aparta skribprogramo. Se mi memoras ĝuste, ĝi ne estus uzebla en aliaj programoj kiel Excell, Power Point kaj Access.

Aliaj postaj programoj bezonis instaladon de tiparoj specifaj por esperanta alfabeto.

Nuntempe, la plej konataj estas Ek kaj Tajpi. Ili estas programoj, kiuj ebligas ĉapeligon de la literoj per anstataŭigo de klavoj. Ambaŭ funkcias bone ĉe Vindozo de XP ĝis 7. Je la versio 8, Ek ne funkciis bone kiam mi instalis ĝin, sed Tajpi, jes. Sed se vi bezonas skribi vortojn aŭ nomojn, kiuj havas literojn, kiuj ne apartenas al la esperanta alfabeto, oni devas malaktivigi la programojn. Same okazas se vi volas skribi en via nacia lingvo. Sed iliaj grandaj avantaĝoj estas, ke oni povas uzi ilin je alia programo, eĉ por komunikiĝi per interreto, kaj ke oni ne bezonas instali apartajn tiparojn.

Ekzistas unu malfacilaĵo al tiu, kiu volas skribi esperante per Vindozo: la aŭtomata korektado. En la portugala lingvo, ekzemple, ni havas la prepozicion “em”, tre similan al nia “en” skribforme, kiu estas “korektata” de la vortaro de programo.

**Androjdaj programoj**

Androjdo estas operacia sistemo kreita de Google por poŝaj telefonoj kaj tabletoj (komputiletoj kun virtualaj klavaroj). La entrepreno permesis la kreadon de multaj programoj akcepteblaj de la sistemo, preskaŭ same kiel Linukso (ĝi havas eĉ esperantajn versiojn). La programistoj, esperantistaj aŭ ne, kaptis la okazon por krei ilojn kiuj ebligas skribi, amuziĝi kaj lerni esperante. Jen iuj programoj ĉe tiu plataformo:

- Esperanto en la telefono: ĝi montras aliajn programojn kiuj estas uzeblaj por tiu kaj aliaj celoj. La programo indikita estas Esperanto for Smart Keyboard. Per ĝi, eblas skribi esperante preskaŭ kiel per skribmaŝino. Ni puŝas la klavon ^ kaj la ĉapeligan literon, aŭ ~ post la literon u.

- Oni havas ankaŭ Mini esperanto keyboard. Kiel la nomo diras, ĝi estas tre eta klavaro, kiu ebligas skribi esperante. Sed por uzi ĝin oni bezonas du aferojn: bebajn fingrojn kaj tre bonan vidkapablon.

- La lasta klavaro pri kiu mi parolos estas Multiling Keyboard. Oni povas instali multoblajn klavarojn de malsamaj alfabetoj, kiel la japana, la ĉina kaj la araba. Kaj, sendube, la esperanta. La ĉapeligitaj literoj havas apartajn klavojn kaj ĝia uzo estas tre simpla.




Ĉiuj klavaroj estas uzeblaj en ĉiu programo, per kiu oni bezonas skribi ion, kiel la programoj de Office kaj iliaj versioj, la uzado de interreto kaj tujkomunikiloj kiel skajpo.

## Linukso: aparta rigardo

Linukso estas granda apoganto de Esperanto ĉe softvara medio. Ĝi havas eĉ versiojn de operacia sistemo kun menuoj en Esperanto. La oficeja softvaro de Linukso estas Open Office, per kiu oni povas skribi esperante nur uzante la supersignojn ^ kaj ~ antaŭ la ĉapeligitaj literoj ĉĝĥŝŭ. Se vi estas uzanto de Linuksa programo, vi ankaŭ povas uzi la klavaron por babili kaj moviĝi en interreto. Ĝia agordo permesas ke vi skribu ankaŭ nacilingve.

## Por Mac-uzanto kaj kliento de Apple produktoj

En la servejo Itunes, de Apple, eblas trovi programon nomatan Ĝusta klavaro por Esperanto, por instali en Ipad kaj Iphone. Ĝia bildo montras la tradician Qwerty-klavaron kun aldono de supersignitaj literoj de esperanto super ĝi.

Por Mac-uzantoj, kiuj havas la klavaron antaŭ si, oni bezonas trovi softvaron por agordi la komputilon. Esperantisto Russel Robert sendis al grupo Esperanto Stanford ĉe Guglo unu solvon nomatan Esperanto Keylayout, kun du aldonoj por instalo en Mac komputilo.

Post la instalo, eblas elekti la lingvon por la klavaro. Por ĉapeligi la literojn, oni devas uzi la klavon alt kaj la literon (minuskle) - ĉŝĝŭĥ aŭ alt, shift kaj la litero (majŭskla) – ĈŜŬĜĤ.

Mi uzas la programon Esperanta Klavaro por skribi en zamenhofa idiomo ĉe IPad. Oni nur bezonas instali ĝin. Kiam oni volas skribi esperante, oni klaku la rondon kaj elektu ĝin. La supersignitaj leteroj estas tie, kaj ni ne bezonas alklaki ^ aŭ ~ antaŭ la letero cghjsu.

*(Daŭrigota en la paĝo 22)*

# Bunta muziko
## Villa-Lobos

**Alfredo Aragón (Rio de Janeiro-RJ)**

Paroli pri Villa-Lobos estas por mi tre agrable, ĝi estas kiel redanko pro la ĝuo aŭskulti liajn muzikojn; ĉiam mi trovas novaĵojn en ĉiu verko lia. Lia orkestrado estas tre oportuna, tio estas, lia elekto de certa instrumento por frazo estas la plej ĝusta por doni la etoson serĉatan. Pro tio li enkondukis novajn tembrojn en la orkestron. Mi sentas lian strebon serĉi la plej trafan instrumenton por ke la frazo estu harmoniigita al la deziro aŭskultigi la melodion, kaj samtempe la fonaj instrumentoj estu bone elektitaj. Eble tion li kaptis de la orkestrado de Korsakov, sed plibonigante, aldonante novajn sonojn.



*Villa-Lobos (1887-1959)*

Villa-Lobos estis la unua, kiu enmetis la homan voĉon kiel instrumenton de la orkestro (Tchaikovsky kaj aliaj faris ankaŭ ion similan, sed per solisto, precipe per ina voĉo, sed neniam kiel parto de la orkestro, kiel faris mia admirata Amerika Komponisto). Same pri la uzo de la koruso, precipe por doni indiĝenajn ritmojn per unu sola vorto ripetata, serĉante la efekton deziratan.

Ne eblas prezenti en tiu ĉi artikolo la multajn ekzemplojn de tembroj, kiun li aŭdace prezentis en siaj komponaĵoj, sed eblas diri kaj rekoni lian kapablon esti kreiva kaj honesta kun si mem en la serĉo de tio, kion li intime sentis por realigi, materiigi, sian senton kaj konverti en muzikon tion, kion lia spirito sukcesis kapti de la Dia volo.

Revenante al la orkestrado, lia uzo de la korda familio (violonoj, vjolo, violonĉeloj kaj basego) estis tre simpla sed tre ĝusta, soloj en tre oportunaj momentoj kaj kun la deziro preĝelvoki, ĉar ŝajnas, ke la plej bona instrumento por preĝi estas la korda familio, ĉu per soloj aŭ grupe.



**Ĉapeligaj programoj.** *(Daŭrigo de la paĝo 21)*

### Konkludoj

Se vi uzas komputilon por komunikiĝi kun Esperantujo, vi havas bonajn softvarojn je ĉiu sistemo por instali kaj uzi anstataŭ uzi la h-sistemon aŭ x-sistemon por indiki la ĉapeligitajn literojn. Ludu. Amuziĝu. Amindumu. Laboru. Babilu esperante. La teĥnologio estas disponebla al ni.

# Vidindaĵoj en San-Paŭlo

## Viadukto Sankta Ifigenio: belga artaĵo en San-Paŭlo

**Paŭlo Sergio Viana (Lorena-SP)**

Ducent dudek metrojn longa, impona viadukto kuŝas en la centro de la urbego San-Paŭlo, ekde la jaro 1913. Ĝi ligas la tradician placon Sankta Benedikto al la kvartalo Sankta Ifigenio. Ĝi fariĝis unu el la poŝtkartaj simboloj de la urbo. La konstruo de tiu granda arkitekturaĵo celis faciligi la iradon en la centra urbregiono, kiu jam komencis fariĝi homplena, en la komenco de la 20-a jarcento. La konstruado daŭris tri jarojn.

Por la konstruo necesis 1100 tunoj da fero. Oni uzis por tio feron el Belgujo, kaj la stilo estis la tiam tre laŭmoda "art nouveau". La feraĵoj alvenis al Brazilo per ŝipo kaj al la koncerna loko per trajno. La pecoj alvenis jam pretaj, kaj surloke oni nur muntis ilin. Por tio la administrantoj de la urbo faris grandan



ŝuldon, kiu finpagiĝis nur en la jaro 1987. Dum 65 jaroj iradis sur la viadukto homoj, tramoj, aŭtobusoj, aŭtomobiloj kaj ĉevaltirataj ĉaroj. En la jaro 1970 oni starigis leĝon por protekto de la viadukto. En 1978 oni reformis kaj reinaŭguris ĝin por ekskluziva uzo de piedirantoj. Nuntempe miloj da homoj surpasas ĝin ĉiutage.



## DINĈJO KAJ LA SORĈISTINO



# Eŭreka!
## Onkogenoj

**Guilherme Jardim (Charqueada - SP)**

**Mutacioj kiuj kaŭzas kanceron**

Estas malfacile klarigi la kaŭzojn de la kancero. Kiam sana histo fariĝas kancera, ĝiaj ĉeloj komencas reproduktiĝi senbride. Tiu ŝanĝo povas esti instigita de diversaj faktoroj, kiel la ultraviola lumo aŭ la gudro en la fumo de la tabako. Do la demando estas: Kiel tiuj faktoroj kreskigas la kanceron? Unu supozo, kiu ŝajnas akceptebla, estas, ke ili damaĝas unu aŭ pli da genoj, kiuj partoprenas en la kontrolado de la histodisvolviĝoj, tamen nur en 1969 tiu geno estis klare determinita.

La unua el tiuj "onkogenoj", kiel ili estis nomitaj, estis trovita ne en unu kancero sed en viruso, la viruso Sarcoma de Rous, konata ekde la unuaj jaroj de la dudeka jarcento, kiam oni konstatis, ke specifaj kanceroj estis disvastigitaj inter la domaj birdoj pere de unu infekta aganto. En 1969, Steven Martin, de la Kalifornia Universitato, Berkeley, estigis eksperimentojn por malkovri kiuj genoj en la koncerna viruso kaŭzis tiun kanceran efikon. Li submetis la viruson je amasaj dozoj de la kemia substanco nitrosogvandino, kiu estis konata kaŭzanto de genaj mutacioj. La plejmulto el la virusaj partikloj estis eliminitaj de tiu eksperimento, sed kelkaj restis malsanigaj. El tiuj estis tre




malgranda nombro da tiuj, kiuj ŝajnis normalaj ĉiuaspekte, escepte de tio ke ili malsukcesis kaŭzi kancerojn. Verŝajne, nitrosogvandino provokis mutacion sur nur unu geno kiu donas al la viruso la kapablon kaŭzi kanceron.

Kiam la geno estis analizita, oni rimarkis ke temas pri nekompleta formo de unu geno apartenanta al domaj bestoj infektitaj de la viruso. La virusaj partikloj reproduktiĝas injektante siajn genojn en la histojn de ties gastigantoj (en tiu okazo iu kokino). La genoj duobliĝas tie kaj reprogramas la histojn de la gastiganto por produkti pli da virusaj partikloj. Supozeble, en iu malproksima epoko, parto de iu propra kokina geno miksiĝis en la procezo, tiamaniere ke ties kopioj aliris la virusajn partiklojn. La koncerna geno respondecas por kontroli la kreskadon de la histoj. La versio enmetita en la...

*(Daŭrigota en la paĝo 26)*

# Lingva Diverseco

## Kriol: la kreolo parolata en Gvineo-Bisaŭo

**Karina Oliveira (São Paulo-SP)**

Kreoloj kaj piĝinoj estas interlingvoj, kiuj ekestas nature, kiam oni havas situacion en kiu la komunikado estas bezonata sed ne estas komuna lingvo inter la komunikantoj. Ni vidu la ekzemplon de Kriol, la kreolo parolata en Gvineo-Bisaŭo.

Laŭ la retejo „Ethnologue" (datumoj de la jaro 2006), estas 1.521.000 loĝantoj en la lando. Oficiale, la ŝtata lingvo tie estas la portugala (167.000 parolantoj), sed ĝin parolas malmulte da homoj kompare kun la Kriol (206.000 parolantoj kiel unua lingvo, kaj 600.000 kiel dua lingvo), kiu vere estas la lingvo nacia kaj de ĉiutaga komunikado tie. Krom tiuj du lingvoj, estas ankoraŭ aliaj 20 etnaj lingvoj parolataj tra la lando: Badyara, Bainouk-Gunyuño, Balanta-Kentohe, Bassari, Bayot, Biafada, Bidyogo, Jahanka, Jola-Felupe, Jola-Fonyi, Kasanga, Kobiana, Mandinka, Mandjak, Mankanya, Mansoanka, Nalu, Papel, Pulaar, Soninke. Do, entute 22 lingvoj en tiu ege malgranda lando. La kreola lingvo tie havas ege gravan rolon kiel interlingvo inter tiom multe da malsamaj lingvoj.

La landlimoj de Gvineo-Bisaŭo estas kun Senegalo (franclingva lando) kaj Gvineo (ankaŭ franclingva). Koloniigis ĝin Portugalio, ekde la fino de la XV-a jarcento, kaj pli intense ekde la XIX-a jarcento (Kihm 1984). Tamen, je la fino de la XVII-a jarcento, ne nur la portugaloj estis tie kiel koloniantoj, sed ankaŭ angloj, nederlandanoj kaj francoj, pro la komerco de sklavoj. En 1897, ĝi fariĝis oficiala kolonio de Portugalio (laŭ akordo inter portugaloj kaj francoj, rilate al tiu fifama novkoloniismo, kiu okazis tra la tuta Afriko, fine de la XIX-a jarcento).

Dum la kolonia periodo, Portugalio ne tiom atentis pri la socia strukturo de la lando, kaj la edukado, ekzemple, ne estis atentita de ili. Post 1915, Portugalio pli intense uzis Gvineon-Bisaŭon por agrokultura produktado, kaj perfortis la enlandanojn por la deviga korplaboro. La diktatoro Salazar ekestris Portugalion en 1926, kaj tiam la perfortoj kontraŭ la koloniitaj landoj estis ankoraŭ pli intensaj. Ekde 1936, la loka popolo kontraŭis tiun koloniadon, kaj en 1956 estis kreita oficiala politika organizaĵo por la liberiĝo disde la kolonianto de Gvineo-Bisaŭo kaj Kaboverdo (portugale Cabo Verde)[1].

Kiel oni povas konstati, la portugala lingvo kredeble ne estis ligita al bonaj aferoj kaj okazaĵoj de la gvineanoj, kaj eble tio influis la nuntempan situacion

tie, pri kio estos pli da informoj en la daŭro de ĉi tiu teksto.

Inter 1961 kaj 1973, estis interna milito tie, celante la statuson de lando liberigita de la koloniinto. Ĝi estis la unua afrika kolonio, kiu liberigis sin de la koloniado de Portugalio. En 1974 Portugalio rekonis, ke ĝi estas liberigita lando, kaj tiu estis la unua fojo, kiam tio okazis rilate al afrika kolonio de Portugalio.

Tamen, kiel memsufiĉa lando post 1973/1974 la sociafinanca situacio daŭre estis ege malbona. Estis multe da gvineanoj, kiuj elmigris al Portugalio dum la 80aj kaj 90aj jaroj. Koruptado kaj aliaj problemoj ĉiam ĉeestis la historion de la lando, kiu ĝis nun estas unu el la plej malriĉaj en la mondo.

Dum la 70aj kaj 80aj jaroj, Kriol populariĝis ne nur en Bisaŭo, la ĉefurbo de la lando, sed ankaŭ en aliaj urboj.

La silaba strukturo de la lingvoj estas ĉefe KV (konsonanto vokalo). Estas kvin vokaloj, kaj ili ĉiuj povas suferi influon de apuda nazala konsonanto. La frazo devas havi aganton kaj predikaton, en tiu ordo (do, estas SVO lingvo – subjekto-verbo-objekto). Jen ekzemplo:

*Jon ta pista si amigus dinyeru senpri ku disgostu.*
Johano ĉiam prunteprenas monon de siaj amikoj dolore.

[1] *www.anpguinebissau.org/historia/historia-guine-bissau/historia-da-guine-bissau.*



## **Eŭreka!** Onkogenoj *(Daŭrigo de la paĝo 24)*

povas anstataŭi komplete la version originalan ekzistantan en la histoj de la koko, kiam do la kreskado de la histoj fariĝas nenormala, kaŭzante la kanceron.

Ekde kiam tiu malkovro estis farita, multaj aliaj onkogenoj estis trovitaj. Dekomence la onkogenoj estis trovitaj en virusoj kiel la Sarcoma de Rous, tamen pli malfrue estis trovitaj ankaŭ en kanceraj histoj. La transplantado de tia geno, de kancera ĉelo en sanan ĉelon igis la sanan ĉelon kancera. Ŝajnas ekzisti kvanto da genoj kiuj, ŝanĝiĝinte de kancera faktoro aŭ absorbitaj de unu viruso, iĝis nekontrolebla, kaj tiel okazigas senfinan kreskadon de la histoj, kaŭzante la kanceron. Tiuj genoj estas nun intense studataj, ne nur tial ke ili povas enhavi la ŝlosilon de la kuracado aŭ preventado de la kancero, sed ankaŭ pro tio, ke ili povas diri al ni multon pri la maniero kiel la histaj kreskadoj normale okazas.

*G.S. Martin, Nature, 227 1021-1023 (1970).*





# ZAMENHOFA TAGO

*Venu kunfeti la jarfinan aranĝon en la sidejo de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo!*

**La 10-an de decembro ekde la 16h.**

*Eniro senpaga*

# 52-a Brazila Kongreso de Esperanto

## 37-a Brazila Esperantista Junulara Kongreso

# Sorriso - MT

## 15 - 18 junio 2017

**Por pliaj informoj vizitu la retejon *esperanto.org.br***




